# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 25/04/2014 Cent sesdekdua eldono 26/04/2014 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer    Provlegita de Nicole Else**

SENDATA AL 275 La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

Tondado de ŝafoj Tiun ĉi sonartikolon verkis kaj produktis Andreo Bach el Gdynia en Pollando



La arto kolekti impostojn similas al la laboro de lerta paŝtisto, kiu klopodas tiel pritondi ŝafon, ke ĝi ne mortu pro malvarmo sed donante al li kiel eble plej multe da lano. Sed kiam lia tondilo vundas la dermon, tiam bestoj fuĝas al aliaj paŝtejoj. Pola mastrumado disvolviĝas ĉiam pli rapide, mezumaj kaj minimumaj salajroj daŭre kreskas. Nia ĉefministro jam pasintseptembre anoncis la finon de la krizo. Povus do ŝajni, ke la plej lukra posteno devus esti la teko de la financministro, kies unusola okupo tiutempe devus esti kolektado de la mono vaste fluanta al la ŝtata kaso.

Ktp ĝis

Ĉu la financa ministerio estas en senelira situacio? Tute ne. Kiam la vojo antaŭen ne alportas atenditajn rezultojn, la natura movo ŝajnas esti direktiĝi malantaŭen. Estas kelkaj ekzemploj de landoj dum lastaj jaroj, kiam malaltigo de impostoj kaŭzis elspezokreskon por la buĝeto. Kompreneble tia pensado ne estas konforma al la naturo de oficistoj. Kiu scias, eble iam iu kuraĝos alpreni tiajn paŝojn, antaŭ ol la landon renkontos vera katastrofo.

Mi aldonu por iom da optimismo, ke katastrofo por la ŝtato ne ĉiam devas signifi katastrofon por ni, ordinaraj civitanoj. Ni do atente observu, kio okazos.

CRI online http://esperanto.cri.cn/ Bona Esperanto Bonaj Programoj

# 22. (la gramatiko de E.) La Voĉoj. D



La Pasivo kaj la Medialo povas en Esperanto ekzisti nur, se en la pentraĵo, aŭ en la lingvo, troviĝas (aŭ troviĝis) gramatika Objekto, do nur se la ago estas Transitiva Verbo. Tio estas komprenebla, ĉar la Subjekto en la Pasiva kaj Mediala Voĉoj estas ĉiam la Objekto en la Aktiva Voĉo. Observu tamen, ke ne ĉiu finaĵo "-n" indikas Objekton. Ekzemple en "Li venos Ĵaŭdon" la "-n" anstataŭas prepozicion, nome "je" aŭ "en", kaj "veni" ne estas Transitiva Verbo. Do oni ne povas diri "ĴaŬdo veniĝas" nek "Ĵaŭdo venatas de li". Tio samas en eŭropaj lingvoj.

Kompreneblas ankaŭ, ke la tri specoj de verboj povas ricevi ĉiujn verbajn finaĵojn, ne nur batas kaj batatas kaj batiĝas, sed ankaŭ batis, batos, batus, batu, bati, kaj batatis, batatos, batatus, batatu, batati, kaj batiĝis, batiĝos, batiĝus, batiĝu, batiĝi,

La agoj en ĉiuj dek-ok vortoj reprezentas la saman certan daŭron de la ago, depende de la parolanto. Se oni uzas adjektivojn anstataŭ verboj, la daŭro kaj la tempopunkto ne dependas de la parolanto, sed de aliaj cirkonstancoj. Ekz. "La manĝo estas finita" nenion diras pri la tempo kaj la daŭro de la manĝado, nur ke la stomakoj estas plenaj, kaj "La manĝo estas finata" diras ne kiam ĝi ekfiniĝis nek kiam ĝi finiĝos nek ĉuĝi nun finiĝas, sed nur ke en tiu momento la finiĝado de la manĝo procedas, dum "La manĝo finatas" signifas ke nun oni komplete finas ĝin. Tamen multaj Esperantistoj uzas la eŭropan sistemon de participoj kun helpverboj, kio ne eblas en Esperanto ĉar en Esperanto, kontraŭe al la aliaj, la participoj ne estas verboj sed adjektivoj. Bedaŭrinde Zamenhof ne kuraĝis eleŭropiĝi, kvankam li genie kreis la sistemon de (adjektivaj) participoj, kaj kvankam antaŭ la publikigo de sia verko li komprenis, ke nur "-at- kreas pasivajn verbojn.

Marcel Leereveld.

## Pasintaj numeroj de 'Aŭstraliaj Esperantistoj'

Sur la **retpaĝo de AEA** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

**SENDU NOVAĴON, FOTOJN DE VIA KLUBO AL LA MONDO**

# AEA Informas

Aŭstralia Esperanto Asocio

**2014-04-17 - AEA raportas:**

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

## 2014-17- AEA raportas:

Nian lastan Skype estrarkunvenon (17/04/2014) ĉeestis
Esther, Heather, Indrani, Jonathan, Kam Lee, Margaret kaj Sandor

*** VENONTA KONGRESO EN 2015**
Bedaŭrinde ni ankoraŭ ne havas kongresejon por nia venonta kongreso en januaro 2015.
Post la bona laboro de Jonathan, Heather esploris promesplenan lokon en Wollongong. La prezo estas ankoraŭ iomete alta, sed ni esperas ke dum la venonta semajno Jonathan sukcesos malaltigi ĝin.
Se ni ne sukcesos antaŭ la fino de la venonta semajno, la kongreso okazos en pli tradicia loko (Melburno, Kanbero aŭ Sidnejo)

*** INSTRUISTO POR LA JANUARA KONGRESO**
Ni komencis la serĉadon. Kvankam ni konscias pri la neeviteblaj vizproblemoj, ni preferus instruiston el malriĉa lando…
Se vi havas proponon, ne hezitu kaj informu nin.

*** KOMPANIO > ASOCIO**
Neatendite, ni havas kelkajn seriozajn leĝajn malfacilaĵojn reiri al asocio.
Bedaŭrinde, mankis la tempo plene esplori la problemojn. Pli da detaloj post la venonta estrarkunveno.

*** RETEJO**
Gratulon al Jonathan, kiu senĉese plibonigas nian retejon. Bonvolu rigardi ĝin kaj komentu, proponu,…
Interalie, vi nun povas legi ĉiun numeron (160) de "Aŭstraliaj Esperantistoj". Nun li komencas aldoni "Esperanto Sub La Suda Kruco" kaj la diversajn aliajn ĵurnalojn antaŭ ESK.
Tiel nia retejo malrapide fariĝas ankaŭ nia arĥivo.

La venonta Skype estrarkunveno okazos ĵaudon, la 1-an de majo, je la 19:00(EST)

Esther, Heather, Kam Lee, Indrani, Jonathan, Margaret, Sandor

## LINGVAJ FESTIVALOJ

Lingvaj festivaloj estas unu el la multnombraj eblecoj reklami pri nia ŝatata lingvo.
Kial?

- Ni aktive montras ke ni subtenas multajn lingvojn, ne nur Esperanton
- Ni ne "martelas" homojn kaj simple bombardas ilin kun niaj tradiciaj argumentoj
- Ni povas krei bonajn kontaktojn kaj kunlaborojn kun diversaj aliaj grupoj

- Ni lernas pri multaj aliaj lingvoj
- Ni renkontas multajn homojn kiuj interesiĝas pri lingvoj,…. Ankaŭ Esperanto

Dum la venontaj 10 semajnoj, mi konscias pri tri lingvaj festivaloj.
(1) Ven 16-a/Sab 17-a de majo: ALF – Adelaide Language Festival
http://hss.adelaide.edu.au/linguistics/alf
(2) Ven, 20-a de junio: Lingva Festivalo en mia lernejo en Adelajdo (Thebarton Senior Collge)
(3) Sab, 5-a de julio: Lingva Festivalo de Sidnejo:
http://sydneylanguagefestival.org.au
Partoprenu. Subtenu tiujn eventojn. Eble, ankaŭ en via loko?
Amike,
Sandor







# Ĉe Lingvaj Festivaloj

Ni devas propagandi per la fordono de la senpaga 'la Ŝloŝilo.

La ĉeestantoj de lingvaj festivaloj interesiĝas pri lingvoj

La ŝlosilo montras kiel logika estas Esperanto.

Ĉu vi havas pli bonan metodon?



Pintji-Kalka




# Pekina Esperantisto ricevis premion de la Kanbera Esperanto-Filmfestivalo

Je la 30a de Marto 2014 okazis la Pekina Esperanto Filmfestivalo. Post prelego pri la konkurso de mallongaj filmoj por 125-a jariĝo de la naskiĝo de Esperanto, samideano Rainer KURZ konigis la Kanberan Esperanto-Filmfestivalon, kiu okazis dum la Aŭstralia Esperanto Somerkursaro kaj Kongreso januare, 2014. Kiel la fondinto kaj gvidanto de la festivalo, Rainer KURZ aparte aranĝis voĉdonadon por elekti la plej ŝatatan filmon de la ĉeestantoj, dume la filmo "Esperanto Muzikigas Vian Vivon" gajnis la premion. La Aŭstralia Esperanto Asocio donis atestilon kaj simbolan monpremion de 50 aŭstraliaj dolaroj.
http://esperanto.cri.cn/1601/2014/04/04/165s160869.htm



Bildotitolo: S-ro Rainer KURZ donis atestilon kaj simbolan monpremion al Ding Xiaosong, kies mallonga filmo, titolita "Esperanto Muzikigas Vian Vivon", gajnis la unuan premion de la rigardantoj (la premion 'Aŭstralia Populara Elekto') de la Kanbera Esperanto-Filmfestivalo.
Ĝis baldaŭ
Rainer



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

5a kaj 19a venis la samaj kvin Esperantistoj RogerSpringer, Eŭnice Graham. John Cassey, Chris Holliss kaj Ian Wylles



## Esperanto-Domo Sidnejo

Anoj kunvenas la trian dimanĉon de ĉiu monato 12tm

Aferkunveno antaŭe je 11atm. Poste amuzkunveno kun manĝetoj.

Roger k Mei Springer, Robert Bain, Richard Delemore, Nicole Else, Polina Lushnikov, Dmitry Lushnikov, Ian Wylles, Margaret Chaldecott.

# PRI LA KONGRESO EN IRANO



*IMPRESOJ DE AMATORO - KN45* 31an de Marto 2014

La kvalito de la diversaj distraj artaĵoj de la ĵus finiĝinta Teherana kongreso estis por mi zenita punkto de ne forgesebla evento en Esperantujo. Jes, preskaŭ ekskluzive Teherana, almenaŭ rilate iranajn kongresanojn, sen multaj partoprenintoj el la 30 aliaj provincoj. Plaĉas al mi konstati tamen prioritatan celon de la organizantoj por allogi esperantistojn elde Esfahan, Ŝiraz, Tabriz ktp al la Dua Nacia Kongreso.

Ke pli ol 100 kongresanoj el sep landoj renkontiĝis en histori-riĉa ĉef-urbo por

interkonsiliĝi je ekstreme alta nivelo de parolata Esperanto atestas pri la sukceso de politiko de 'kvalito antaŭ kvanto' adoptita de profesoro Saheb-Zamani antaŭ 30 jaroj. Kiom eblas mi transdonas estimojn kaj bondezirojn al tiu Doktoro de Filozofio kune kun mia sincera espero ke li estos sufiĉe sana por gvidi ontajn, eĉ pli sukcesajn, kongresojn - ne nur sur Irana teritorio sed ankaŭ en najbaraj landoj kie la porpacaj idealoj de doktoro Zamenhof estas urĝe bezonataj.

Antaŭ ol mia enaviadiliĝo iuj okcidentanoj pridemandis min: "Ĉu vi estas serioza aŭ delira pri flugo al tiu lando?" Ĉio por mi tiom glate kaj harmonie okazis en Irano ke nur unu respondo decas: "Mi estas serioza KAJ delira laŭ la feliĉa nuanco de tiu dua adjektivo." Neniam antaŭe laŭ miaj jamaj travivaĵoj en 45 flughavenoj oficisto enmanigis rozon, ĉarmaj doganistoj ne volis traserĉi miajn valizojn, tute mankis formularoj, kaj alia oficisto direktis min al atendanta esperantisto tre apude. Fojon post fojo kleraj kaj bonvolemaj irananoj malavare invitis min en siajn hejmojn, fotis min, ŝoforis min kaj manĝigis min tiom grade ke dum kvar kongres-tagoj mi elspezis neniom.

Tiu senprecedenca malavareco reciproke instigis min donaci el mia propra stoko da Esperanto-libroj kaj materialoj aro da 24 binditaj ekzempleroj de la revuo *ESPERANTO* de antaŭ proksimume 35 jaroj kiam la Movado por la tria fojo en Irano grandioze burĝonis. La prezidanto de Irana Esperanto Asocio, doktoro Keyhan Sayadpour, preskaŭ ploris pro dankemo ĉar antaŭ la kongreso li sensukcese serĉadis longan tempon por havigi la koncernajn dokumentojn verkitajn de Sadler, Tonkin kaj aliaj famuloj.
Dankon    Paul Desailly    Ĝis la venonta kongreso en Irano

Xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

# Steven Garamy vojaĝas




Pasintan Julion mi estis en la vilaĝeto Sieber apud Herzberg (Germanio) kie okazis la ILEI Esperanto-konferenco. Tie troviĝas hotelo kies posedantino Teresa bone parolas Esperanton. Ĉi-monate Steven Garamy vizitis Sieber kaj Herzberg kaj metis fotojn sur Fejsbukon. Li ree estos en Sidnejo komence de majo. Amike, Nicole

Steven skribis: "Mi loĝis en la Hotelo 'zum Pass' en Sieber, gastigata de tre amikema Teresa, Sigmund kaj ilia filino, Barbara Khan. Tiam mi vizitis la Esperanto-Centron kaj Muzeon en Herzberg kaj mi trinkis tason da teo ĉe la Esperanto-Kafejo kun la bela mastrino Jeong-ok Song. Mi ankaŭ vizitis la Esperanto-Muzeon en la nacia biblioteko en Vieno. En Vieno, mi manĝis 'Mozart

Kugeln', la plej bonan ĉokoladon en la tuta mondo! de Steven Garamy

# Cyrille Hurstel (Unu miliono)-Nekredeble rapide



Okazis io nekredebla. En malpli ol unu semajno, mi konvinkis la provizanton SG-Autorépondeur aldoni Esperanton al siaj lingvoj, ĉar mi uzas ĝin kiel vi rimarkis.

http://www.youtube.com/watch?v=WINlRZxoMjM&feature=player_embedded




Xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

## Tago de la Tero: Estu vi la plus-faktoro! Portalo BonaVolo





# Trevor Steele en Whyalla

*Rae Watson, Mick Leahy, Bruce Mulhan, Sandra Hudson, Trevor Steele, Marg Gilbert, Marja Nielsen.*



La tridekunuan de marto Trevor Steele iris al Whyalla. Mi atendis lin en la busstacio en Whyalla. Trevor kun mi venis al mia domo.
Trikinte tason da teo, ni iris al U3A por paroli al la germana grupo. La germana grupo multe ŝatis aŭdi Trevor paroli germane. Ne ofte ili havas okazon aŭdi iun paroli en la Germana. Ili lernis la Germanan nur per libroj.
Post tio mi akompanis Trevor al liaj gastigantoj, Fran kaj Graham Mason, por la noktoj kiam li estis en Whyalla. Mi ne havas sufiĉajn ĉambrojn por gastoj.
Je mardo Trevor komencis instrui la grupon de Whyalla Esperantistoj. Ni estis en diversaj niveloj, sed Trevor sukcesis. Trevor vere laborigis nin. Ni estis laboremaj kaj avidaj lerni pli da Esperanto.
Ĉiutage ĉiuj iris al la restoracio de la Universitato por lunĉo, kaj dum lunĉo ni lernis pli da vortoj. Post la lunĉo ni reiris al nia ĉambro en la Universitato kaj ni faris diligente ĉiujn taskojn kiujn Trevor preparis por ni. Estas tre interese lerni multajn novajn konceptojn pri Esperanto.
Ĉiutage Trevor tre laborigis nin. Je jaŭdo ĵurnalistino de nia hejmurba ĵurnalo venis al nia ĉambro en la Universitato. Ŝi interparolis kun Trevor.
Je merkredo la tuta grupo kaj la gastigantoj de Trevor kaj mia filo iris al la restoracio por vespermanĝi.
Je la fino de la kurso la tuta grupo petis Trevor reveni al Whyalla en oktobro. Trevor akceptis nian inviton. Dankon Trevor.
Marja Nielsen U3A Whyalla Branch.

# Intervjuo kun la Horora Verkisto kaj Reĝisoro Christopher R. Mihm




Esperanto-TV ĝoje anoncas, ke ni kaj la horor-verkisto / reĝisoro / produktoro Christopher R. Mihm de la premiita <u>Mihmiverse-a serio</u> interkonsentis elsendon de liaj filmoj. Li estas precipe konata pro siaj aŭtentikaj libere sinsekvaj prezentaĵoj de kvindek-jaraj B-taksitaj horor-filmoj, el kiuj kvar jam estis dublitaj al Esperanto.
Okaze de ĉi tiu grava evento Chris afable interkonsentis respondi kelkajn demandojn.

**Nu Chris, ekde la lanĉo de "Atakoj de la Lunaj Zombioj" en Esperanto, vi gajnis fidelan sekvantaron – Kial vi decidis organizi la dublon de ĉi tiu filmo en Esperanton?**

La scenoj en "Atako de la Lunaj Zombioj" estis verke lokitaj en internacia luna bazo laŭ la kvindek-jare inspirita versio de la sepdek-jaroj. Pro tio, ke Esperanto estis tre populara inter la scienc-fikciaj ŝatantoj de la kvindek-jaroj, kiuj ankaŭ kredis, ke ĝi plenigus sian celon kiel la perfektan ĉiucelan diplomatan lingvon, ŝajnis al mi necesa, ke Esperanto ALMENAŬ aperus sur la montriloj de la luna bazo. Mi kontaktis kelkajn Esperanto-grupojn pri la esperantigo de montriloj vidotaj en la filmo. La grupo, kiun mi finfine elektis (regita de George Baker el Kalifornio) prezentis sin tre helpema kaj ili estis tiel afablaj homoj, ke ili poste tradukis ĉiujn sekvajn filmojn. KAJ, ili havis la ideon mem, ke ne nur traduki la tutan skripton, sed ankaŭ surbendigi la Esperant-parolitan dialogon por enmeti en la lumdiskegon! Mi simple ne povis rifuzi tian bonegan oferton!

**Entute vi havas kvar filmojn aĉeteblajn en Esperanto – Atako de la Lunaj Zombioj, La Domo de Fantomoj, La Giganta Araneo, kaj nun La Dufilma Vespero. Kompreneble ĉiuj el tiuj filmoj estas viaj beboj, sed se vi devas aŭ elekti plej ŝatatan, aŭ esti formanĝata de grandega araneo, kiun filmon vi elektus?**

Se mi nepre devas elekti la de mi plej ŝatatan filmon, mi elektus la Gigantan Araneon. Tamen dirinte tion, mi sincere kredas, ke la Dufilma Vespero certe venus DUE kiel elekto!

**Ĉu vi faras ion interesan, antaŭ ol sidi kaj verki skripton? Eble vi elpoŝigas pipon, surmetas pantoflojn, aŭ spektas klasikan filmon; ĉu ekzistas metodo en via frenezo?**

Ofte ideoj komence formiĝas el titoloj aŭ malgrandaj intrigoj. Se mi povas preni, prilabori, kaj imagi tiun ideon kiel tutan filmon, mi ekverkus ĝin. Kutime, mi sidas sola en mia kela oficejo skribante ĉiun nokton dum kelkaj semajnoj. Bedaŭrinde, la procezo ne estas tre ekscita aŭ alloga! Mi simple devigas al mi sidi sencede ĝis tuta skripto kuŝas antaŭ mi!

**Rakontinte pri fantomoj, zombioj, gigantaj araneoj kaj eksterteranoj, pri kio temas via venonta filmo?**

Mi havas kelkajn ideojn. Mi nuntempe ludas kun la ideo de monstroferia filmo, halt-animaciita dinosaŭra epopeo kaj ankaŭ film-ideo entenanta infanojn, pupojn, kaj robotojn el la kvindek-jaroj!

**Se vi povus paroli kun unu el la klasikaj reĝisoroj / verkistoj, kun kiu vi parolus, kaj kion vi demandus?**

Multege plaĉus al mi labori en la tempo pasinta kun kelkaj el la 1950-jaraj minimumaj buĝetitaj pioniroj kiaj Roger Corman, Bert I. Gordon aŭ Ed Wood — eĉ se mi estus nur muŝo algluita al la muro, simple por rimarki la diferencon inter miaj procezoj kaj la teĥnikoj ekzistantaj tiutempe. Tiuj reĝisoroj kreis la fundamenton, sur kiu multaj nunaj film-ĝenroj konstruiĝis. Estus mirinde rimarki ke ili ĉion elspensis de preskaŭ nenio, ĉar esence ili improvizis la teknikojn dum la filmado!




**Finfine, la Esperanto-komunumo mem havas kelkajn B-taksitajn filmklasikaĵojn, kiel**

## Inkubo (Incubus) kun William Shatner. Kiel vi taksas ĉi tiun filmon laŭ via klasikfilmmojoseca taksilo?

Vere…ĝi estas…ne malbona! Mi scias, ke ĝi tenas specialan lokon en la koroj de la Esperantularo simple pro tio, ke William Shatner ĉefrolis! Dirinte tion, mi kredas, ke ĝi estas sufiĉe bona B-taksita filmo de tiu epoko…eble, iom lanta kaj … nur…boneta. Unu el miaj celoj ekde la debuto de mia unua modern-farita 1950-jarece inspirita filmo dublita al Esperanto (Atako de la Lunaj Zombioj) estas fari almenaŭ unu Esperantan filmon, kiun oni memoros kaj taksos pli bonan ol Inkubon (Incubus)

Dankon pro via tempo Chris,

Atako de la Lunaj Zombioj en Esperanto spekteblos la 19-an de Majo ekskluzive ĉe Esperanto-TV. Ĉiuj el liaj lumdiskegoj tamen jam estas aĉeteblaj je la malalta kosto de $9.99 po filmo, do vizitu lian retbutikon kaj aĉetu vian elzempleron hodiaŭ, kaj subtenu ĉi tiun gravan filmiston de la Esperanto-komunumo.

## Ĉu ĉi tiu intervjuo plaĉas al vi?



Se jes! diskonigu ĝin al ĉiuj viaj amikoj, kaj informu ilin pri Esperanto-TV.

Aldone la intervjuisto Richard Delamore multe dankas Kiah Morante kaj Antonio "La Filozofo" Codazzi pro la redaktado.

Richard Delamore



ANZAK TAGO 2014